# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland.**

ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton. La jara kotizo estas € 30,– (por samdomanoj € 10,–); membroj de NEJ pagas € 15,– (kaj samdomanoj € 5,–). FENIKSO estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50

Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914
<gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike:** Gazetartikoloj k.a. estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Eriel Van Damme,
Albert I straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio

**Teknika redaktoro:** Ivo [illegible] Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo Antverpeno.

ESPERANTO NEDERLAND

Prezidanto: vakas

Sekretario PROVIZORE ĉe la adreso de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 BW Groningen.

Tel.: 050-57 18 843 <info@esperanto-info.nl>

Membro-Administranto: Reinmont Balk, Espelsche-straat 42, 8305 EN Emmeloord. Tel.: 0527 23 95 78.
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

Kasisto: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monnickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: IBAN: NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monnickendam. UEA-konto: [illegible]

Informado/Informmaterialo: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 BW Groningen.

Tel.: 050-57 18 843 <info@esperanto-info.nl>.

Studie weekende:
<studsemajfino@esperanto-nederland.nl>
ĉe Marijke Lockhorst, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel.: 0223-64 37 81.


## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de decembro 2014. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## ĈE LA FRONTPAĜO

Foto pri Miko Kuijn ĉe la Drongo-festivalo (fotis Federico Gobbo)
La Esperanto-monumento en Bergen op Zoom, la 21-an de aŭgusto (foto de Johanna, filino de Wim Jansen)
Foto pri Zamenhofstrato en Amsterdamo (foto Kees Ruig)
Fotoj el la Movada Foiro de UK Bonaero (fotis Ineke Engelkamp)

## DE VIA REDAKTORO

La nuna numero enhavas multe da tekstoj nome de la Estraro: ĉefa estas la Protokolo de la Jarkunveno. Bedaŭrinde devis ĉi-numere forfali i.a. niaj rubrikoj Filmetoj en la reto, Ricevitaj revuoj. Ankaŭ interesa teksto pri Esperanto kaj komerco devos atendi ĝis la sekva numero.
Espereble vi ĝuos la novan numeron

Gerrit Berveling

Esperanto Nederlando estiĝis en 1994 per kuniĝo de diversaj Esperanto-organizaĵoj en nia lando. La revuo origine nomiĝis FEN-X, por indiki, ke temas pri Federacio de Esperanto-Organizaĵoj – plus X kiel simbolo de la nekonata estonto. La nuna nomo FENIKSO konservas tiun devenon, sed samtempe montras nian esperon, ke kvazaŭ Fenikso ĝi ree kresku el la nuna stato en pli brilan futuron.

# DE LA ESTRARO

1] **PROTOKOLO DE LA 23A ĜENERALA KUNVENO DE ESPERANTO NEDERLAND**, okazinta la 21-an de junio 2014 de 10:30 h ĝis 12:30 h en "De Kargadoor", Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht.

**00. Akcepto**
Pri la akcepto respondecas Ans Bakker-ten Hagen kaj Els van Dijk. Ĉeestas 34 partoprenantoj, unu rajtigilo, kaj 3 gastoj. Do, entute ĉeestas 35 validaj voĉoj.

**01. Malfermo**
Ineke Emmelkamp malfermas la kunvenon je la 10:45. (Oni tre malfrue malfermis la pordon, do pro tio estiĝis malfruiĝo). Ŝi bonvenigas kelkajn gastojn: Cor van der Zwet, Jos Wichman kaj Miko Kuijn, prezidanto de NEJ.
Momento de silento estas por niaj mortintaj membroj, nome: sinjoroj Dekker kaj Venema, sinjorinoj Reddingius kaj Krombeen.
Poste la prezidantino instalas voĉdonkomisionon: Korine Cheizoo kaj Anneke Schouten-Buijs.
Ses personoj menciis, ke ili ne povos ĉeesti. Ankaŭ estrarano Joeri Smolders ne povas ĉeesti.

**02. Fikso de la tagordo**
Al la tagordo aldoniĝas:
8.3. SUMOO, fare de Korine Cheizoo kaj Madzy van der Kooij,
8.4. Bert de Wit pri novembra semajnfino
8.5. Pieter Engwirda pri ĝemelaj urboj
La tagordo estas akceptita.

**03. Protokolo pri la 21-a ĝenerala kunveno en 2012.**
Ineke Emmelkamp konstatis tajperaron pri punkto 6.3: Periodo devas esti 2013-2018.
(Estas ia diskuto pri la komenco de la periodo kaj la ekzaktaj jaroj: komenco en 2014, fino 2018; oficiala dato septembro 2013, sed Gobbo komencis nur en januaro; tamen oni ne pagas personon, sed la katedron).
9.4 Duobla akuzativo estas grava peko laŭ Rob Moerbeek.
Krom tio ne estas komentoj: aplaŭdante oni akceptas la protokolon.

**04. Agadraporto pri 2013**
Ĉi-jare Joeri Smolders kompilis ĝin, kun helpo de multaj aliaj. Ineke Emmelkamp kore dankas lin.
Piet Buijnsters mencias pri la estraro: Pieter Engwirda kaj Joeri Smolders ankoraŭ ne estas registritaj ĉe la Komerca Ĉambro. Wald ten Hagen respondis, ke Joeri Smolders ĝis nun ne donis kopion de sia pasporto; Pieter Engwirda ja estas registrita.
Rob Moerbeek esprimas aprezon al Joeri Smolders por la granda laboro.
La agadraporto estas akceptita, aplaŭdita.

**05. Financaj raportoj pri 2013**
*5.1 Raporto de la kaskontrol-komisiono*
Wald ten Hagen laŭtlegas la jesan raporton de la komisiono: Loes Demmendaal kaj Bert de Wit. Ili trovis ĉion en ordo, kaj dankas la kasiston. La membroj malŝarĝas la kasiston aplaŭdante.

*5.2 Rezulto pri 2013*
Wald ten Hagen raportas, ke la rezulto en 2013 estis - € 6.558,07,--. Estas 4% de la kapitalo. Kaŭzo: altaj preskostoj de Fenikso; en 2014 la unua numero de Fenikso estis jam pagita. La estrarkostoj estis iom pli altaj, ĉar estis pli da deklaracioj (I.a. dufoje de Komitatano-A, en 2012 kaj 2013).
Dum la venontaj jaroj la estraro devas pli atenti pri pli altaj katedrokostoj. Ili duobliĝis en ĉi tiu jaro.
La enkasigo de kotizoj estas bona: estas 84 rajtigiloj. En 2014 71% de la membroj pagis sian kontribuon, sekve mankas tamen pli ol € 2.000,--, ĉar kelkaj ankoraŭ ne pagis. Tiuj, kiuj ne pagis, ricevis mesaĝon de la kasisto. Pieter Engwirda telefonis homojn, kiuj dum jaroj ne pagis, kaj multaj nun tamen pagis: forgesis, transloĝiĝis. Li daŭrigos la laboron.
Ralph Schmeits demandas pri la kostoj de Fenikso: ĉu la estraro de tempo al tempo kontrolas, ĉu estas eble aliloke pli malmultkoste presigi ĝin? Ĉu estas devige presigi ĝin ĉe FEL? Anneke Schouten diras, ke ĉe ekzemple "Sociale Werkplaats" oni povas fari tion malpli koste. Ans Bakker aldonas, ke ni ja parolas pri la Grafika Centro en Antverpeno, Esperanto-laborejo. Ĝi ja ankaŭ estas parto de la Esperanto-domo, kiu havas gravajn problemojn. Alfons Pijnacker aldonas ion pri la meza paĝo; tio estas la kaŭzo de la alta prezo. Rudi Koot proponas meti la revuon rete, tio estas malpli kosta. Ĉar ne ĉiu havas retaliron, ne estas solvo nur rete disdoni ĝin. En tiu okazo eble ankaŭ aliaj povos legi ĝin. Rob Moerbeek sugestas ke estas esplorinda afero; se nur temas pri malmulte: restu ĉe FEL. Marlijne Hemelaar demandas, ĉu la estraro scias, kiom da legantoj uzas la lingvan rubrikon. Ili ne scias. Nur malmultaj de la ĉeestantoj legas ĝin. Oni pli klare indiku, ke estas lingva rubriko. Kees Bos volas subteni la proponon de Rob Moerbeek, same kiel la proponon de Ans Bakker. Oni devas la proponojn kune taksi.
(Els van Dijk petas, ke oni ekstaru, farante rimarkon). Peter den Breems diras, ke Merkurio finiĝis fine de 2013. La restantan monsumon oni devas doni al Esperanto Nederland. Ĉu la estraro jam ricevis ĝin? Jes, ĝi aperos en la ciferoj de 2014.

Rob Moerbeek demandas pri la diferenco inter la elspezoj por UEA kaj EEU. Loes Demmendaal aldonas, ke por UEA oni nur pagas por neindividuaj membroj; por EEU oni pagas por ĉiuj.

*5.3 Bilanco je 31-12-2013*
Rob Moerbeek konstatas, ke estas bone, ke estas sufiĉe granda kapitalo. La konto de ING ne plu ekzistas. Els van Dijk petas, ke oni sendu la financajn raportojn rete, por ke oni antaŭe pristudu ilin. Kaj ne plu tiel malgrandlitere en la revuo. Ineke Emmelkamp diras, ke en tiu okazo estas **ege grave**, ke la estraro disponu pri ĉies retadreso. Oni akceptas la raporton, dankante al Wald ten Hagen.

## 06. Proponoj

*6.1. Propono de la estraro:* fikso de la kotizoj por 2014. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn: la propono estas akceptita. Oni **rajtas** kompreneble pagi pli.

*6.2 Buĝeto kaj laborplano 2014.*
Gerrit Berveling aldonas, kaj la presisto de Fenikso foje uzis tre malgrandajn literojn, por ŝpari la kostojn. La buĝeto kaj laborplano estas aprobitaj. Ans Bakker mencias la semajnfinon kiu okazos en novembro 2014. Ĉar Esperanto Nederland ĉijare ekzistas 20 jarojn, oni festos tion dum tiu semajnfino.
Ĉu la estraro kalkulis, ke la kostoj povas esti iom pli altaj ol kutime? Ans Bakker pardonpetas, ke ŝi ne pli frue demandis tion: nur nun ŝi pripensas. Do: ĉu la kunveno konsentas, ke eble la estraro elspezu iom pli ol antaŭvidite, por altiri i.a. gejunulojn? Piet Buijnsters deziras voĉdonadon. Oni aplaŭde subtenas la proponon de Ans Bakker.

## 07. Elektoj.

7.1 Novaj estraranoj ĉiam estas bonvenaj. Oni ankaŭ povas veni por “gustumi” la etoson. La estraro kunvenas 5 - 6 fojojn jare.

*7.2 Kaskontrolkomisiono*
Ĉu la samaj homoj rajtas esti elektitaj aŭ ne? Anneke Schouten rimarkigas, ke kutime oni tion faru nur 2 fojojn sinsekve. La samaj estas elektitaj: Loes Demmendaal, Bert de Wit kaj Gerrit Berveling. Du personoj kontrolas, la tria estas rezervulo.

*7.3 Arbitracia komisiono:* la samaj personoj restos denove. Ili estas membroj de Esperanto Nederland: Marc van Oostendorp, Anneke Schouten-Buijs kaj Johan Swenker. Ili en tiu komisiono havas nenion por fari ĝis nun. Ineke Emmelkamp demandas, ĉu iu deziras skriban voĉdonadon, ĉar temas pri personoj. Montriĝas ke ne. Marc van Oostendorp kaj Johan Swenker demisias sed estas reelekteblaj. Oni akceptas Marc van Oostendorp kaj Johan Swenker.

## 08. Informado pri diversaj temoj

*8.1 Nomo de nia membrogazeto:* Fenikso nun estas la literumado, ne plu Fen-X aŭ Fen-ikso.

*8.2 Eventualaj aliaj sciindaĵoj de la estraro.* Nenio menciinda.

*8.3 SUMOO*: Korine Cheizoo kaj Madzy van der Kooij prezentas ion pri SUMOO: la intenco estas, ke oni sesfoje jare legu dum du semajnoj certan kvanton da paĝoj por pli legi Esperanton. Oni **mem** elektu kaj la legendan libron kaj la kvanton da paĝoj. Oni anoncu sin ĉe HORI Jasuo, kiu eltrovis ĝin.
*hori-zonto@water.sannet.ne.jp*
Ineke Emmelkamp mencias, ke ŝi ĉiu-tage vizitas la ludon Risko ĉe lernu.net por respondi tri demandojn kaj ankaŭ de tio multe lernas.

*8.4 Bert de Wit:* Novembra semajnfino. Bert de Wit kaj Marijke Lathouwers organizas por la novembra semajnfino kombinon de instruado, kulturaj aranĝoj kaj junularsemajnfino. Oni donas grandan liston pri la kulturaj partoj. Estos ĥoro de Marijke Lathouwers, Kapriol’ ludos, Saskia Veen ludos harpon. Oni kunvenos la de 7an ĝis la 9an de novembro en Nivonhuis De Banjaert en Wijk aan Zee. Oni certe ankaŭ parolos pri la estonteco. Ĉe NEJ oni parolos pri enmerkatigo. Aliaj eroj estas bonvenaj. Atentu: estas nur malmultaj lokoj, kaj estas malfacile tendumi en novembro. NGGE prezentos ion pri Raymond Schwartz. Oni invitas Sean Osborne, sed supozeble tio ne realiĝos. Oni ankoraŭ serĉas helpanton en la kuirejo. Pieter Engwirda anoncas sin. Aldono de Bert: Roots-festivalo nun okazos en Java-eiland, la 6-an de julio: ne plu senpaga, sed € 15,-- alirprezo. Li petas helpantojn.

*8.5 Momumento Texel.* Antaŭ unu jaro Ineke Emmelkamp rivecis mencion, ke la monumento en Texel ne estas en bona stato. Oni invitis ŝin ĉeesti kunvenon, je la 20-a vespere, en vintro. Nek al ŝi, nek al iu alia estis eble iri tien. La nova situacio: nun estos herbejo ĉirkaŭ ĝi, la bicikla parkejo estas flanke. Unu el la najbaroj ne deziras biciklejon, kaj volas ordoni al Esperanto Nederland ekagi tiurilate. La estraro ne volas impliкiĝi. Ineke Emmelkamp sendas dankleteron al la komunumo. Loes Demmendaal ofte vizitas Texel kaj fotos la momumenton, kaj sendos foton al Gerrit Berveling por Fenikso. Alfons Pijnacker demandas, kiu respondecas pri la publikaj monumentoj. Respondo: la komunumoj.

*8.6 Ĝemelaj urboj.* Pieter Engwirda mem kredas en la koncepto, same kiel UEA, kiu nomumis komisiiton pri ĝemelaj urboj. Ordinaraj homoj eble interesiĝas pri la ĝemela urbo, sed oni ne povas bone interrilati: Esperanto estas la solvo. Oni povas trovi en Vikipedio multajn informojn pri ĝemelaj urboj. Oni povas trovi, ĉu estas Esperanto-klubo aŭ Esperantistoj en difinita urbo. Pieter

Engwirda konsilas la ĉeestantojn rigardi en Vikipedio, serĉi sian urbon kaj kompletigi la informojn. Pieter Engwirda kaj Piet Buijnsters volas, se necese, helpi. Alia aspekto estas: ju pli da paĝoj en Vikipedio, des pli granda la graveco de ĝi, do ĉi-okaze la graveco de Esperanto. Tiamaniere oni eble ankaŭ povas varbi esperantistojn, konatigi Esperanton. Diversajn aktivecojn oni povas diskonigi pere de ĝi. Pieter Engwirda parolos pri ĝi ankaŭ dum la UK 2015: la urbo Lille profitas de la okazo konatigi la ĝemeliĝon. Inter Lille kaj Rotterdam estas kontaktoj, kvankam ne viglaj. En septembro estos ekspliko pri Vikipedio en la Amsterdama Rondo, indikas Piet Buijnsters. Se necese, Ziko van Dijk, la spertulo pri Vikipedio, povos prezenti ion pri ĝi.

**09. Jubileantoj**

Siem de Korte, nia plej aĝa membro, estas 100-jara! Aperis jam intervjuo de Loes Demmendaal kun li. La 7-an de junio, lian datrevenon, la estraro sendis florbukedon.

Estas kelkaj 25-jaraj jubileantoj: Feliĉa van der Bijl-Koopmans, s-ro de Jonge el Deventer, Piet Schuijl, Kees Bos kaj edzino kaj Peter den Breems. Kees Bos kaj Peter den Breems ĉeestas, kaj do kunportas la gratulkarton. La aliaj ricevos ĝin poŝte.

50-jaraj jubileantoj: Baukje Muizelaar-Borger, kiu ne plu povas vojaĝi; Ineke Emmelkamp legis ŝian retmesaĝon kaj sendos diplomon kaj kompaktdiskon al Baukje Muizelaar-Borger. Sally Krombeen ankaŭ estis membro dum 50 jaroj, sed bedaŭrinde ŝi ne plu vivas, oni tamen volas mencii ŝin.

**10 Verloren van Themaat-premio.**

La ĵurio, kiu konsistas el Els van Dijk, Joke Hoobroeckx kaj Kees Hoeijenbos, atribuas la premion al Gerrit Berveling. Li ricevos diplomon kaj monsumon de € 250,00. Krome la komisiono grave dankas ĉiujn, kiuj laboras pri tiu afero. Ne forgesu: “Sen gutoj malgrandaj maro ne ekzistas”. Proverbo de Zamenhof. Gerrit Berveling dankas. Li mencias, ke li jam 35 jarojn publikigas Esperantlingve, sed tio fakte ne rilatas al ĉi tiu premio, kiu havas kiel celon diskonigi Esperanton en Nederlando.

**11. Ronddemandado**

11.1 Simon Smits plendas, ke li daŭre devas turni la revuon, por rigardi la paĝojn. Gerrit Berveling respondas, ke li ĉi-foje ne kontrolis la lastajn presprovaĵojn. Li jam ofte parolis pri tio kaj esperas, ke ĉi-foje estos en ordo.

11.2 Piet Buijnsters mencias, ke Esperanto Nederland estas ANBI; depost la 1-a de januaro la impostoj faras striktajn regulojn. En la reto ĉio devas esti videbla, nederlandlingve, ankaŭ buĝeto ktp. En la retejo jam estas aparta paĝo pri ANBI, sed ankoraŭ sen la financaj raportoj.

11.3 Piet Buijnsters mencias ke “het Huishoudelijk reglement”, ne plu estas aktuala. Li volas helpi aktualigi ĝin. Ĝi fakte ankaŭ devas esti sur la ANBI-paĝo. La estraro pritraktos ĝin la 20-an de septembro dum la estrarkunveno. Ankaŭ la laborplano devas esti sur ĝi, do projektoj por la venonta jaro.

11.4 Pieter Engwirda mencias ion pri konsisto de la estraro. Ineke Emelkamp forlasos la estraron post unu jaro, do li instigas homojn anonci sin!

11.5 Gerrit Berveling mencias, ke Fenikso estas ĉe la presisto. Estas problemoj ĉe FEL pri sanstato. Ĉar li (=GB) estis en Germanujo – kie la retaliro malbonas – Rob Moerbeek kontrolis ĝin ĉi-foje. Gerrit Berveling ne ĉion metis en la revuon, por ŝpari malplenan spacon. Li kunportis al la jarkunveno ĉiujn revuojn, kiujn dum la jaro li ricevis por Fenikso, kaj ĉiu rajtas preni, kion ŝi/li volas.

11.6 Rob Moerbeek parolas pri NGGE. Li instigas nin plenigi enketilon. Ĉiu lernejo nuntempe rajtas mem decidi, ĉu oni proponas Esperanton. Oni ja ankaŭ devas liveri instruistojn, kaj konsili lernolibron. La talentaj lernantoj, mem volas lerni pere de la Reto – lernu.net. Oni povas disponigi al lernejoj, kiuj deziras tion, la gramatikan libron de Haveman/de Vries.

Rob Moerbeek instigas iri al Nosobe, se oni malbone vidas. Estas multaj aliaj Esperantaj organizoj: por vegetaranoj, ne-fumantoj ktp. SAT ankaŭ meritas atenton; en Nederlando oni iomete forlasis la maldekstran flankon. Li ankaŭ nomas aliajn organizojn, kiuj celas samajn aferojn: Mondfederistoj, Nederlanda Asocio por UN. Ni ne nur devas riproĉi al aliaj landoj, sed ankaŭ konscii pri la propraj nigraj flankoj: Rawagede. Pri Zienderogen li mencias: KELI transdonis grandan sumon al ĝi.

Por la ILEI-kunveno en Montevideo li deziras pli da lingvaj eraroj, por doni ekzemplojn tie. Li ankaŭ daŭre deziras lingvajn demandojn. Li finas per danko al ĉiuj kiuj diligente laboras.

Loes Demmendaal iros al Bonaero, kiel komitatano A. Ŝi atendas sugestojn, pri kio ŝi parolos tie. Ans Bakker konstatas, ke la estrara raporto de UEA mankas. Ionel Onet diras, ke oni “modernigas” ĉion: ĉiu legu ĉion rete. La financaj raportoj ekde nun nur aperas rete, sed ankoraŭ ne estas tie. Do, se oni havas hezitojn: sendu al la nova estraro novajn ideojn! (Ne temas pri kompleto inter Ans, Ionel kaj Loes).

**12. Fermo**

Ineke Emmelkamp dankas multajn homojn, pro ilia aktiveco en diversaj regionoj de la movado.

La prezidantino fermas la kunvenon je la 12:30; ŝi dankas multajn kunhelpantojn: protokolistojn, organizantojn de studsemajnfinoj, membroadministrado ktp.

Post la oficiala fermo Loes Demmendaal mencias, ke Peter van Noorden ricevis dekoracion, i.a. pro sia Esperantolaboro.

MvdK, Utrecht/Rijswijk

**2] OVERLEDEN:**

S.ino C.T. Behr-Kunst (augustus 2014)

S.ro S. de Korte (augustus 2014)

S.ro W.v.d. Linden (juni 2014)

3] **VIDHANDIKAPITOJ**

Preskaŭ elĉerpiĝis la ĉarma libreto 'Ne tiel sed ĉi tiel. Por agrablaj kontaktoj kun blinduloj kaj malforte vidantoj" de Herman Van Dijck, tradukita de Amsterdamaj studentoj kaj aperinta ĉe FEL en 1979.

Ni ĉiuj konscias la valoron de okuloj: se ili malfortiĝas, ne timu aliĝi al Nosobe, malferma ankaŭ por malforte vidantoj kaj kies semajnfinoj invitas ankaŭ vidantojn. Por 12-eŭra kotizo eblas profiti la abonon de "La Kontakto", revuo aprezata ankaŭ eksterlande. La sekretario, Elise Lauwen, partoprenas la voĉlegadon de "Fenikso" (Lingva Rubriko) kaj "Kontakto" de TEJO (kun Marlijne Hemelaar).

Kaj la heredaĵo de Jacques Tuinder, "Zienderogen", siatempe E3 kaj "Evidente", daŭre helpas al la plej malriĉaj vidhandikapitoj en la mondo. Indas kontribui al la sinofera agado, per konto NL20INGB0001020100, Zienderogen, Jisp.

Al la kursosemajnfino en novembro KoSoPoSo aliĝis Jos Wichmann, estrarano de Nosobe, kiu bele flutakompanis Boudewijn van de Meer en la posttagmeza programo post nia junia Jarkunveno. Kaj en la Internacia Kongreso de blindaj Esperantistoj LIBE decidis kongresi dum aŭ post la jubilea centa UK en Lillo.

Ĵus forlasis mian domon 25 skatoloj da brajlolibroj, la biblioteko de LIBE, kiu de nun estos utiligebla el la Esperanto-urbo Herzberg am Harz, Germanio. Gravan helpon por la ekspedo de la 450 kilogramoj mi ricevis de Ralph Schmeits, kiu kontaktis pageblan transportiston kaj prizorgis la formularojn. Kaj en Herzberg trovis spacon Zsófia Kóródy, estrarano de ILEI: la malnova urbodomo volonte disponigas bretojn por la 16 metroj da brajlo-libregoj.

Dankinde! Nun indas kompletigi plurajn mankhavajn titolojn.

Rob Moerbeek.

**4] VERLOREN VAN THEMAAT-PREMIO EN 2015**

Dum la venonta jarkunveno en 2015 ni deziras denove honorigi iun personon, kiu prizorgas interesan kaj allogan informadon pri Esperanto dum la jaro 2014. Proponu iun personon kaj aldonu la verkitajn artikolojn en gazetoj, intervjuoj en radio kaj televido. Ĉiu membro de Esperanto Nederland povas fari proponon. Sendependa Ĵurio prijuĝos la ensenditaĵojn.

Sendu ĝin/ilin al la asocio Esperanto Nederland, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

*De vereniging Esperanto Nederland kent een mediaprijs, die de naam 'Verloren van Themaatprijs' draagt en die jaarlijks kan worden toegekend aan de persoon die in een jaar de beste informatieve bijdrage over het talenprobleem en/of Esperanto heeft doen publiceren in landelijke of regionale media. Kopieën van de betreffende bijdrage, voorzien van de naam van het medium en de datum van publicatie, alsmede van de naam van de auteur, dienen te worden ingestuurd voor 1 maart 2015 aan Esperanto Nederland, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.*

*De winnaar, wordt bekend gemaakt tijdens de algemene ledenvergadering. De prijs bestaat uit een oorkonde en een bedrag van € 250,-*

*Ineke Emmelkamp*
*nome de la estraro Esperanto Nederland*

# EL MIA LETERKESTO

**1] Venis jena peto de Rob Moerbeek**: D-ro Ulrich Lins, la konata historiisto de nia movado (kiu kunlaboris en 'Esperanto en Perspektivo' kaj aŭtoris i.a. 'La danĝera lingvo', 'Utile estas aliĝi') petas informojn pri nederlandanoj, kiujn en la UK 1922 en Helsinki eble renkontis prof. Carnap: Ges-roj Braamkamp (Nieuwe Niedorp), la pacifisto Christian Kamper kaj Pastoro Israels. La samkuntekste menciita s-ino van Rees povus esti la membrino de Nosobe, kiu pli-ol-80-jara ankoraŭ perfekte lernis legi brajlon. Se vi scias pri (unu/du el ili), bv. skribi al moerbeek@gmaila.com

Rob Moerbeek

**2] NGGE informas vin**, ke estis aldonita nova parto de la lingva rubriko 'alternsemajna ripeto'. Bonvolu rigardi la retejon de Esperanto Nederland.
*NGGE heeft een nieuw deel toegevoegd aan de taalrubriek 'alternsemajna ripeto'. Neem een kijkje op de website van Esperanto Nederland.*
*Nome de la prezidanto de NGGE, Rob Moerbeek, salutas vin* Koos Scharroo

**3] VANDAAG 13 SEPEMBER** *IS HET PRECIES TIEN JAAR GELEDEN DAT DE DEUREN VAN INSTITUUT ZAMENHOF OPEN GINGEN. GELUKWENSEN AAN GBEGLO KOFFI EN ZIJN STAF ZIJN WELKOM AAN esp.togo@cafe.tg*

Bakker Hans

**4] Mi sendas al vi kelkajn fotojn pri la Zamenhofstraat** en Amsterdamo en la nuna situacio. Origine ĝi aspektis kiel sur la frontapaĝa foto: laboristaj domoj en la Vogelbuurt (Birda kvartalo), dekstre la Vliegenbos (Ne la Muŝa arbaro, sed la Vliegen-arbaro, ĉar Vliegen estas la persona nomo de la arĥitekto/iniciatinto de la arbaro). Nun la Zamenhofstrato plivaloriĝis, ĉar ĝi plilongiĝis, tiel ke nun entreprenoj kaj industrioj enloĝiĝas. Tion montras la apuda foto. Krome en julio malfermiĝis 4a pramlinio Azartplein (KNSM-insulo) - Zamenhofstraat. Do la nomo plioftiĝas en la ĉiutaga vivo en Amsterdamo.

Samideane,
Kees Ruig

(noto de la redaktoro: vidu unu foton frontpaĝe kaj sube)



5] **Jen malgranda video** pri Skype Translator:
http://www.youtube.com/watch?v=eu9kMIeS0wQ
Kun koraj salutoj,

Rudi Koot

# RECENZO

En 2001 UEA reeldonis **Maskerado ĉirkaŭ la morto** - Nazimondo en Hungarujo - de Tivadar Soros (ISBN 92 9017 073 5) kun antaŭparoloj de Paul & George Soros.
Ĉi tiun duan eldonon redaktis kaj komentariis Humphrey Tonkin; en la antaŭparolo li klarigas, ke ekzistas esperanta versio, kiun eldonis Juan Régulo Pérez en 1965, kaj anglalingva versio manuskriptforma. Tiujn du versiojn la redaktoro kombinis por havi kiel eble plej kompletan kaj " fluan" rakonton. Krome li aldonis abundajn piednotojn, en kiuj oni legas multajn informojn pri historio, lokoj kaj personoj. La rezulto estas ege interesa.
La rakonto komenciĝas, kiam en marto 1944 la germanoj okupas Hungarion. Tivadar Soros jam baldaŭ serĉas eblecojn, havigi identigilojn de kristanoj por sia familio de edzino kaj du filoj, kaj baldaŭ poste zorgis, ke ĉiuj el ili trovu disajn loĝlokojn, por ke ĉiuj estu sekuraj. Baldaŭ multaj homoj, ĉu konatoj aŭ parencoj, ĉu homoj, kiuj aŭdis pri li, serĉas lian helpon pri paperoj kaj loĝlokoj.
Inter rakontoj pri propraj spertoj, Tivadar Soros mencias ankaŭ la ĝeneralan situacion de judaj hungaroj, la ekuzo de flavaj steloj, kunpeliĝado en getoj kaj la unuaj transportoj al laborejoj kaj ekstermejoj, kaj pri homoj, kiuj kvazaŭ mirakle eskapis ekzekutadon surborde de la rivero Danubo.
La stilo estas simpla kaj klara, kvazaŭ oni notis ĉion, kion Tivadar Soros rakontis dum konversacio. La pli ol kvardek paĝoj da notoj aldonas gravajn klarigojn kaj informojn, kaj en sia postparolo Humphrey Tonkin rakontas, ke li renkontis Tivadar Soros en Esperanto-akcepto en Novjorko, unu-du jarojn antaŭ ties morto, sed nur mallonge parolis kun li pri negravaĵoj. Krome li klarigas lian Esperanto-aktivadon antaŭmilitan kaj skribas i.a. pri la unua eldono de ĉi tiu libro.
Entute rekomendinda kaj tre interesa libro!

Anneke Schouten-Buijs

*Noto de la redaktoro: La unua eldono aperis sub aŭtor-indiko «Teodoro S. Ŝvarc» - antaŭe en Esperanto li verkis sub la nomoj «Teodoro Schwartz» aŭ «Teo Melas». Li estis unu el la fondintoj de la gravega revuo «Literatura Mondo», kiun ĝis 1924 li redaktis.*

# INVITOJ

**1] Mi volonte deziras atentigi vin** pri ĉi suba alvoko de mia juna amiko el Kubo. Geomar perfekte regas nian ligvon, li fervore instruas Esperanton al multaj komencantoj, li interese prelegas pri sia lando, li bonege ludas gitaron, li diligente studas la nederlandan lingvon. Ĉu ne estus belege, se, kun helpo de ni ĉiuj, Geomar povus realigi sian revon prelegi pri Kubo kaj kuba Esperanto-movado en Nederlando? Se vi havas ideojn kaj volas bonvenigi Geomar en via klubo, bonvolu kontakti min. Mia reta adreso estas: jonike@kabelfoon.nl Anticipe mi elkore dankas al vi ĉiuj,

Jolanta van Holstein

Saluton estimataj geesperantistoj el Nederlando!
Mi nomiĝas Geomar Martínez Pérez, mi estas 24 jaraĝa kaj mi venas el Kubo.
Nuntempe mi prezidas la estraron de la Junulara Sekcio de Kuba Esperanto-Asocio kaj estas unu el la gajnintoj de la konkurso Partoprenu IJK-on 2014, kio permesis al mi vojaĝi al Brazilo kaj partopreni la 70-an IJK en Fortalezo. Mi estas universitata diplomito pri Pedagogio kaj mi instruas la hispanan kaj Esperanton. Mia vivo estas ĉiam ligita al lingvoj; tiel mi parolas la hispanan (gepatra), Esperanton, la italan (C1), la francan (B1), la germanan (A2), la anglan, kaj tre bazajn nederlandan kaj portugalan. Mi ludas gitaron kaj estas verkinta repertuaron originale en Esperanto; krome mi ludas kuban muzikon. -- Mi ŝategus prelegturnei en via lando kaj mia propono estas partopreni en diversaj kluboj, konversaciaj rondoj kaj klasoj dum mia vojaĝo. Mi prelegus pri Kubo kaj la Esperanta movado tie, mi povus viziti klasojn, enkonduki lecionojn kaj gitarludi. Se vi estas sponsoroj, organizantoj, anoj, respondeculoj aŭ estroj, de klubo, konversacia rondo aŭ iu Esperanta grupo kaj vi ŝatus min helpi veni en Nederlandon por ia kultura interŝanĝo, kontaktu min bonvole ĉe odalismt@infomed.sld.cu. Antaŭdankas mi, Esperante kaj esperante, el Kubo!

**2] Zamenhoftago ĉe Internacia Esperanto-Instituto**
Ankaŭ ĉi-jare Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Hago organizas Zamenhoftagon.
Ĝi okazos je sabato, la 13a de Decembro en Riouwstraat 172, Den Haag.

La programo estas:
10:00-10:30a horo: akcepto kun kafo/teo/kuko

10:30-12:00a horo: prelego de Said Nozaffari Baluĉi pri: Historio de Esperanto-movado en Irano (en rilato kun ĝia politika historio)

12:30-14:00a horo: komuna lunĉo en itala restoracio

14:00-17:00a horo: diversaj programeroj, i.a.: harpoludo (de Saskia Veen) kaj kvizo
17:00-17:30a horo: adiaŭa babilado.

Bv. aliĝi antaŭ la 7a de decembro per pago de € 20,- (inkl. de la lunĉo) al bankkonto (IBAN) NL 52 INGB 0000 162626 nome de Int.Esperanto-Inst.,Den Haag. Bv. indiki ĉu vi volas vegetaran lunĉon. Por demandoj aŭ kromaj informoj: retpoŝto: iesperanto@versatel.nl aŭ telefono: 030-2202673 (Ed Borsboom). Vidu ankaŭ la retejon de IEI: www.iei.nl

**3] Internacia Festivalo > *internacia: renoma: alloga***

**BONVENON AL NIA ADIAŬA 31-A IF JARFINE EN JÜLICH**

**Koran bonvenon al nia 31-a IF en Jülich!** La klerigejo - komforta porfamilia hotelo, novkonstruita en 2013 - gastigas vin kun luksaj ĉambroj, ĉiuj kun duŝo kaj necesejo, kun duŝtukoj kaj TV . La domo disponas pri **saŭno**, kiun ni ofertos al vi (senkoste) ĉiun duan tagon. Apudas urba parko (senkosta eniro por IF-anoj) i.a. kun Napoleonaj fortikaĵoj. **Niaj kotizoj** inkludas tri manĝojn tage, la loĝigon en komfortaj ĉambroj, la tradiciajn silvestrajn bufedon kaj balon kaj novjaran brunĉon. Dulitaj ĉambroj por plenkotizantoj, por subvenciitoj parte trilitaj. Unulitaj nur laŭ disponeblo en decembro.
***Varbilo/informilo*** (kun koloraj fotoj pri Jülich kaj la tuttaga ekskurso al Köln) estas elŝutebla en nia interreta (start-)paĝo sub “Dua Informilo”. Ĝi aperas en PDF-formato kaj estas laŭplaĉe printebla, same ankaŭ la papera versio de la (flava) ***aliĝilo/informilo***. Bonvolu disdoni kaj informi viajn geamikojn kaj konatojn!
**Ni preparas interesan programon**: partoprenu dumtage en prelegoj pri kadra kaj aliaj temoj - aŭ paralele en kursoj kaj promenoj. Ni antaŭvidas variajn distrajn ofertojn, i.a. lumbildajn prelegojn kaj vesperajn koncertojn. En nia **tuttaga ekskurso** (fakultative, 30 dec 2014) ni vizitos aŭtobuse la proksiman Köln (Kolonjo). Tagmanĝo en la malnova urba centro (menuo inkl. en la biletprezo); konatiĝu kun la fama katedralo kaj la mondfama Kolonja

Akvo (4711 Eau de Cologne).
**Nia IF-gastejo Knajpo** atendos vian ĉiutagan (kaj noktan) viziton, ĝuu niajn lokajn bierojn, vinojn kaj koktelojn, kapuĉinon, kafon kaj kukon ... plus nian konatan IF-etoson. Dum multaj jaroj nia IF-bistroo akompanis vin kun profesieca oferto kaj garantiis bonhumoran komunecon; ĝi estas je via dispono ankaŭ dumtage por interamikaj babiladoj! **Plilongiga tago**: ni antaŭvidas matene prelegon, posttagmeze viziton al najbara Aachen, kun promenoj kaj vizito al kafejo. Bonvenon!

Alveno Jülich: Najbaraj flughavenoj estas Düsseldorf (DUS) kaj Köln-Bonn (CGN). **Aŭto-veturantoj** ĝuos (senkostan) parkumejon antaŭ la domo. **Trajnveturantoj**: Veturu per interurbaj trajnoj (tra Köln resp. Aachen) al proksima Düren kaj daŭrigu per regiona trajno al Jülich. Informiĝu ĉe ***www.bahn.de*** aŭ petu de ni konvenan rekomendon! Pliaj detaloj (kun multaj rekomendoj) en nia interreta subpaĝo ***rekomendoj*** (atingebla el la startpaĝo).

***Vizitu niajn interretajn paĝojn, legu pliajn detalojn kaj aktualajn informojn: www.internacia-festivalo.de***

***Karaj geamikoj, dum pli ol 30 jaroj ni ofertis al vi renoman kaj allogan seminarion, evidente nun indas pensi al ĝia fino. Bonvenon al nia adiaŭa IF en Jülich! Festu novjare kun ni, ĝuu la IF-etoson - lastfoje kun ni!***

***Salutas vin elkore kaj ĝojas pri (re)vido, Hans-Dieter Platz (organizanto)***

4] **(8-a mk) 8a Mezorienta Kunveno en Tunizio en 2015**
***8-a-mezorienta-kunveno@yahoogroups.com***
Tunizio estas ankaŭ konata kiel la lando de la jasmenoj, kaj multaj jasmenoj troviĝas en Hammamet, la loko de la venontjara Mezorienta Renkontiĝo. Venu renkonti arabajn esperantistojn, interkonatiĝi kun ili kaj diskuti kun ili. Vi malkovros multon, pri kio via televido ne raportas.
Renkontiĝo de esperantistoj el nordafrikaj kaj mezorientaj landoj en Tunizio en la jaro 2015-a. Temo: Tunizio: lando de renkontiĝo inter civilizoj.
Loko: Hammamet
Datoj: de la 28-a de marto ĝis la 2-a de aprilo 2015, inkluzive de postkunvenaj ekskursoj.
Programo: prelegoj, ekskursoj, artaj aranĝoj!
Tute aparta konkurso pri kono de la poemoj de la tunizia poeto Abu-al-Kasim Aŝ-ŝabi .
Aliĝoj kaj informoj ĉe: ***mezorienta.kunveno@esperanto.org*** aŭ ĉe ***http://ttt.uea.org/vikio/index.php/La_oka_Mezorienta_Kunveno_en_Tunizio_en_2015***

# ESPERANTO PUBLIKE

**1]** Zeer originele manier Esperanto onder de aandacht te brengen:
http://www.coevordenhuisaanhuis.nl/nieuws/coevorden/286276/drumband-esperanto-zet-zich-in-voor-jongeren.html

**2]**

10 De Nuenense krant Donderdag 17

AGENDA

**Dag van de communicatie – 26 juli Esperanto-dag**

**De moedertaal**
Mensen willen en zouden ook daar, waar hun moedertaal niet de regionale of nationale taal is, deze taal moeten kunnen gebruiken.

**Een taal als nationale/regionale taal**
Een taal met een plaatselijke band vergemakkelijkt de communicatie tussen de verschillende taalgroepen, zoals het Swahili in de Oost-Afrikaanse landen. Daar worden ook veel andere talen gesproken.

ESPERANTO 2014 Justa komunikado

**Een internationale taal**
In de eeuw van wereldwijde contacten zouden alle mensen in staat moeten zijn een neutrale taal te spreken. Een taal die alle volkeren gelijkwaardig maakt in de communicatie.

**Voor meer informatie gaat u naar de website www.esperanto-nederland.nl en/of http://eke.dse.nl.**

**Nationaal Ouderenfonds afdeling Nuenen op Bloem & Tuin**

**U vindt ons van 18 juli t/m 27 juli op Bloem & Tuin, standnummer 31. Met het Ouderenfonds zijn wij landelijk en plaatselijk actief voor ouderen die echt eenzaam zijn zodat ze weer met andere ouderen in contact komen door gezellig breien of andere vormen van handwerk. Bij deze bijeenkomsten komen ouderen gezellig bij elkaar, drinken gezamenlijk een kopje koffie of thee, kunnen gezellig praten over alle hedendaagse onderwerpen waar zij belangstelling voor hebben en maken onder vakkundige leiding heel mooi brei- en handwerk.**

Zo proberen wij ook opdrachten te verkrijgen, zoals voor mooie sjaals in clubkleuren, speciale campagne met bloemetjes, opdrachten met maatwerk, mutsjes van Innocent, enz. Vanuit de opbrengsten steunt u onze ouderen voor vele dag-uitstapjes, museumbezoek, de Boodschappen Plus Bus en vele bijzondere activiteiten in de diverse regio's.

**Zie op de website www.ouderenfonds.nl wat wij doen voor onze ouderen. Een mooi aanvulling die hard nodig is, gezien alle nieuwe ontwikkelingen vanuit Rijk en gemeente.**

Iedere maandag:
- Computerondersteuning in Gasterij Jo van Dijkhof, 10:00 uur
- Inloopmiddag Werkgroep Leefbaarheid Gerwen, D'n Heuvel, 13:30
- Sjoelen in Gasterij Jo van Dijkhof, 14:00 uur
- Meidenavond in de jongerenhuiskamer, 19:00 uur

Iedere dinsdag:
- Inloopochtend Vrouwencentrum 'De Vlinder', 09:30 uur
- Inloopochtend Kiekeboe, Ingang Dassenburcht, 09:30 uur
- Inloopmorgen heemkamer, Het Klooster, 09:30 uur
- Tekenen en schilderen in Gasterij Jo van Dijkhof, 13:30 uur
- Conversatiegroep Engels, De Dorpswerkplaats, 13:30 uur

Iedere woensdag:
- Plantenwandeling met het IVN, vertrek per fiets vanaf de Clemens... Nuenen, 09:00 uur
- Rikken en jokeren in Gasterij Jo van Dijkhof, 14:00 uur
- Meidenmiddag in de jongerenhuiskamer, 15:30 uur
- Snackmiddag in Gasterij Jo van Dijkhof, 17:00 uur
- Iedere woensdag in juli wandelen met WSV Nuenen, parkeerplaats a... vijverzijde bij het gemeentehuis, 19:00 uur
- Inloopavond heemkamer, Het Klooster, 19:30 uur

Iedere donderdag:
- Computerondersteuning in Gasterij Jo van Dijkhof, 10:00 uur
- 2e Hands Kledingwinkel Vrouwencentrum 'De Vlinder', 12:30 uur
- Breikamer/handwerken Zuidzorg, Kloosterstraat 15, 13:30 uur

Iedere vrijdag:
- Iedere eerste vrijdag van de maand OpenCoffee Nuenen, De Waterm... van Opwetten, 09:00 uur
- Fietstocht WLG, D'n Heuvel Gerwen, 09:30 uur
- Werkcafé Nuenen, Sportlaan 12, 10:00 uur
- Biljarten in Gasterij Jo van Dijkhof, 13:00 uur
- Rikken bij RKSV Nuenen, Oude Landen, 20:15 uur

- Iedere zondag in juli wandelen met WSV Nuenen, parkeerplaats aan d... vijverzijde bij het gemeentehuis, 09:00 uur

**Zomerwandeling IVN Nuenen**
en cultuurhistorie. De natuurwan-

**Kunst met een grote G te Gerwen op 13, 14 en 15 augustus**

## 1] Muziko en la Jarkunveno

En la jarkunveno ludis kaj kantis por la ĉeestantoj porokaza muzika triopo: Boudewijn, Jos kaj la ne-Esperantisto Oskar, kiun Boudwijn antaŭnelonge instruis ludi gitaron kaj kiu scipovis kelkajn akordojn.

Boudewijn ofte kunportas sian gitaron al la kunvenoj de Esperantokring Oost-Veluwe, ludas kaj kantigas la partoprenantojn. La flutludadon de Jos Wigmans multaj el ni jam povis ĝui. Kiam Boudewijn "malkovris" lin en kunveno de NOSOBE, li petis Jos partpreni ĉi tiun programon.

Post kelkaj provludadoj kun Jos ili pretis prezenti programon en la jarkunveno. La ĉeestantaj anoj de Esperantokring Oost-Veluwe inter la publiko povis kunkanti du el la kantoj.

Gratulon pro la kvalito - en tiel mallonga tempo ili sukcesis fari belan programon por ĉiuj.



Boudewijn, kiu ĵus sukcesis en sia unua Esperanto-ekzameno facile trovis la taŭgajn vortojn por paroli klare kaj interese interligi la kantojn, klarigi ion pri la ekesto de la grupeto (kiu havu nomon por estontaj aranĝoj!) kaj pri la kantoj mem.

Dankon pro la agrablaj kvardek minutoj; estus bone, se la grupo daŭrigus la kunlaboron kaj elektus nomon, sed tio denpendas de la tri muzikantoj.

Anneke Schouten-Buijs

## 2] Intima, vintra sed suna 99-UK en Bonaero

La kongreso en Bonaero estis intima kongreso kun iom pli ol 700 aliĝintoj. Ne nur la distanco (14-hora flugado) sed ankaŭ la vintra temperaturo evidente fortimigis. Estis vere iom strange paki vintrajn vestojn meze de varmega somero en Nederlando por veturi al la 99a UK. Dum mia dektaga vizito la temperaturo variis inter 8 gradoj kun suno al 20 gradoj kun grizaj nuboj. Ĝenerale estis agrable.

Ankaŭ ĉi-jare mi ĉeestis la komitatkunsidojn kaj komitatajn forumojn kiel reprezentanto de Esperanto Nederland. La du komitatkunsidoj (ĉ. 7 horoj) traktis la ĉiujarajn erojn kiel protokolo de la komitatkunsidoj en Rejkjaviko, jarraporto, rekomendoj el la komitataj forumoj, decido pri la buĝeto kaj kotizo por 2015 kaj similaj temoj.

La subkomitataj kunsidoj en tiu ĉi kongreso transformiĝis al komitataj forumoj (ĉ. 8 horoj). Laŭ la novaj temoj de la strategia plano, okazis kunsidoj pri la temoj: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo kaj Kunordigo. Mi ĉeestis kaj aktive partoprenis ilin. La rekomendoj el tiuj kunsidoj estis traktitaj en la vendreda komitatkunsido kaj rolos ĉe la adaptiĝo de la strategia plano.

Nova labormaniero estis la skajpa ĉeesto de du estraranoj de UEA dum la vendreda kunsido, pro familiaj kialoj ili ne povis ĉeesti la kongreson.

Ĉi-jare la komitato ankaŭ faris apartajn rekomendojn al si mem, la landaj ascocioj.

### Agadkampoj

***Agadkampo 1: Konsciigo***

La 100-a Universala Kongreso en 2015 en Lille estos bona kialo informi la publikon pri Esperanto.

Tial la komitato rekomendas al Landaj Asocioj (LA) kunlabori kadre de la Informkampanjo **ĉirkaŭ la 100-a UK**.

• Nomi respondeculon pri la UK-informkampanjo

• Kunlabore kun siaj landaj sekcioj de TEJO, organizi reklamkampanjojn pri Eo celante ĉefe junulojn kaj studentojn, i.a. produkante kaj financante reklamilojn por ili.

**Esperanto por UN (kaj Unesko) – partopreno je landa, loka niveloj**

• kontakti siajn landajn UN-asociojn kaj Unesko-komisionojn (listo ĉe ***http://www.linguistic-rights.org/uea/mondaevoluo.html***) kun peto ricevi informojn, aliĝi;

• kunlabori en lokaj kaj landaj inciatoj pri UN-agado;

• inviti aktivulojn kaj reprezentantojn de UN-asocioj kaj Unesko-komisionoj al eventoj organizitaj de la E-movado;

• traduki kaj disvastigi E-novaĵojn pri agadoj ĉe UN kaj Unesko kaj rilataj temoj

***Agadkampo 2: Kapabligo***

La komitato rekomendas al Landaj Asocioj (LA) kadre de Aktivula Maturigo

• Esplori la okazigon de AMO-seminario en sia lando aŭ regiono;

• Trovi rimedojn (eventuale ekstermovadajn) por subvencii la partoprenon de gejunuloj kaj aliaj aktivuloj en la seminarioj;

• Ellabori propran planon de aktivula trejnado, eventuale kunlabore kun aliaj landaj asocioj en la sama regiono;

• Fari strategian analizon de la fortoj, lamaĵoj, avantaĝoj kaj minacoj (FLAM-analizon) kiujn spertas la movado en la koncerna lando aŭ regiono.

**Kunlaboro kun ILEI**
- Kunlabori kun sia landa ILEI-sekcio;
- Registri ĉiujn enlandajn kursojn ĉe edukado.net;
- Konsideri okazigon de KER-ekzamenoj ĉe landa kongreso aŭ alia aranĝo.

***Agadkampo 3: Komunumo***
La komitato rekomendas al Landaj Asocioj (LA) kadre de

**Jaro "Montevideo 60"**
- Transdoni alvokon de UEA al lokaj grupoj por ĝemelurba agado en kontakto kun la internacia laborgrupo de UEA sur tiu kampo;
- En ĉiu lando aŭ regiono, okazigi almenaŭ unu kulturan festivalon aŭ grandan kulturan programon en la kadro de la jaro;
- Informi kaj inviti Unesko-funkciulojn kaj aliajn agantojn en UN-medioj ĉeesti tiujn eventojn
- Informi pri tiuj eventoj la kunordigantojn de la Jaro kaj la kunagantojn en aliaj regionoj.

**Bibliotekoj**
- Kunlabori kun la ekzistantaj bibliotekoj kaj kun ILEI pri savado kaj konservado de kolektoj en la koncerna lando.

La estraro de Esperanto Nederland certe diskutos en siaj kunvenoj, kiuj el tiuj ĉi eroj estas realigeblaj kaj kiuj ne. Sed certe la rekomendo pri FLAM-analizo jam estas " sur la tablo".
Mi ĝojis havi la eblecon iom rigardi la urbon Bonaeron. Ĝi similas al Parizo kun larĝaj avenuoj kaj simil-specaj konstruaĵoj. Por promeni de la hotelo al la kongresejo necesis



fotis Loes Demmendaal

pasi 18-trakan avenuon. Naŭ trakoj en ambaŭ direktoj.
Merkrede mi per turisma aŭtobuso veturis al pli foraj lokoj kiel la kvartalo "La Boca", kien turistoj prefere ne promenu pro malsekureco. Sed ĝenerale mi trankvile promenis tra la urbo, eĉ sola, sen senti min malsekure. En jaŭdo mi iris al la Placo de Majo, kie la patrinoj daŭre petas atenton por siaj infanoj, kiuj malaperis antaŭ jardekoj.
Venontjare la 100-a UK en Lille, ĉu ankaŭ vi veturos tien?

Loes Demmendaal,
komitatano A por Nederlando

**3] Movada Foiro – en Bonaero 2014**
*De eerste dag van het congres is net afgelopen. Ik heb mijn papieren opgehaald en heel wat bekenden gezien.*
*Vanavond was er de movada foiro. Ik had een tafeltje met spullen van Esperanto Nederland. Ook Pieter enRob hadden hun eigen stand. Drie bestuursleden van de vijf zijn hier. En ook onze komitatano Loes is ook al aan het werk!*
*De foto,'s zijn van esperantisten uit Uruguay, Rusland en een groep Australiërs!*

Ineke Emmelkamp





# NEKROLOGO

La 5-an de aŭgusto forpasis je la aĝo de 93-jaroj sinjorino **Christina Behr-Kunst** el Haren en Groningen. Ŝi restis anino de Esperanto Nederland kaj de la Esperanto-klubo en Groningen post la morto de sia edzo, s-ro Hartog Behr, aktiva esperantisto. Dum 7 jaroj ŝi restis fidela al Esperanto, kvankam ŝi apenaŭ parolis la lingvon. La lastajn jarojn de sia vivo ŝi loĝis en maljunulejo kaj estis ankaŭ flegata tie post rompiĝo de kokso pro falakcidento. Klubkunvenojn ŝi sola ne vizitis post la forpaso de la edzo, kun kiu ŝi iam regule ĉeestis. Jen kaj jen mi vizitis ŝin dum la lastaj jaroj kaj tiam montriĝis, ke Esperanto havis ankoraŭ ŝian varman intereson.
Mi ĉeestis la kremacio-solenaĵon kaj subskribis en la dolenclibro ankaŭ nome de la Esperantistoj.

Wil van Ganswijk-Vlasblom.

# Esperanto kiel parto de la multlingva pejzaĵo de Amsterdamo

**de Federico Gobbo**
**Universitato de Amsterdamo**

**Alveninte sian trian eldonon, la Drongo-festivalo firme stabiliĝis kiel foiro por kune festi la multlingvan pejzaĵon de Amsterdamo. Lanĉite danke al la iniciato de eks-studento de la Universitato de Amsterdamo, multaj institucioj, kultur-centroj, kaj aliaj entoj partoprenas la festivalon, kiu ĉiam okazas la lastan semajnfinon de Septembro, proksime al la Eŭropa Tago de la Lingvoj, t.e. la 26-an de Septembro. Esperanto Nederland jam partoprenis la antaŭan jaron per informa budo, kaj ĉi-jare per budo kaj fulmokurso. La ĉefa motoro de la iniciato de la ĉeesto en Drongo-festivalo estis s-ino Ans Bakker, kiu kunportis materialon kaj alvenis frue en la mateno por pretigi ĉion antaŭ la komenco. Mi same estis tie frue, kiel helpanto, preta klarigi mian rolon kiel katedrulo pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo. Tio ja vekis intereson, kaj kiam oni alparolis min nederlande, mi ofte respondis rekte en Esperanto, ĉar mia nivelo kompreni la nederlandan estas multe pli alta ol la nivelo paroli, kaj kun surprizo la aŭskultantoj rimarkis, ke ili komprenas preskaŭ ĉion. Kompreneble, mi neniam estis sola. Krom s-ino Ans Bakker, ĉeestis Ineke Emmelkamp kaj Bert de Wit, kiuj deĵoris dum granda parto de la tempo.**
**Sed la pli agrabla surprizo venis de la prezidanto de NEJ, t.e. Miko Kuijn. Sprite kaj atentokapte, li surprizis ĉiujn ĉar li survestiĝis per kitelo, kiu ŝajnigis lin kuracisto: Ŝildeto klarigis, ke li estas** *Doktoro Esperanto, je via servo por viaj lingvaj malsanoj...* **Multaj homoj ridetis kaj povis esti atingitaj danke al ĉi tiu freŝa ideo. Krome, li zorgis pri prezentado de Esperantlingvaj retejoj pere de sia malgranda portebla komputilo, projekciilo kaj blanka tuko kvazaŭ estus ekrano. Bonŝance Leston Buell kunportis la blankan tukon. Cetere, verŝajne temis pri la nura budo kun tiaj teknikaĵoj.**
**Pieter Engwirda ankaŭ helpis per valizo plena da montrinda materialo, kiun la lokaj oficistoj portis rekte al la budo antaŭ la komenco. Krom la laŭdinda etoso de kunlaboro inter ĉiuj deĵorantoj, kiuj partoprenis, oni devas ankaŭ rimarki, ke la budo estis en tre favora loko: je la sesa etaĝo, proksime al la moviĝanta ŝtuparo kaj al lifto, do la homoj simple ne povis eviti vidi la budon mem. Krome, la sesa etaĝo gravas, ĉar ne nur ĝi estas la plej proksima al la restoracio, penŝtopita dum la tagmanĝa tempo, sed ankaŭ troviĝis tie la budo por aliĝi al la lingvaj fulmokursoj de la tago. Inter ili ne troviĝis kurso de Esperanto, ĉar la kostoj vere estis tro altaj. Fakte, ĝi estos baldaŭ prezentata de mi en la kelo, kie kutime kunvenas la neformala grupo** *La Amsterdama Rondo*. **Por subteni tion oni disdonis specialan paperan invitilon al interesitoj. Kompreneble, krom ĝenerala informo pri Esperanto kaj Esperanto Nederland, lingva ŝlosilo – farita de superrigarda gramatiko kun dulingva vortareto – kaj foje paĝsignilo. Laŭ la kalkuloj de la deĵorantoj, estis disdonitaj 200 invitoj por la fulmokurso, kaj eĉ pli da ĝeneralaj informoj. Pluraj homoj estis kun partnero kaj akceptis la informan paketon nur unu, do ni pli malpli atingis 300 personojn. La fakto, ke Esperanto vivas estis konstato de pli granda nombro, ĉar ne ĉiuj haltis kaj montris intereson, kaj tiu aspekto ankaŭ konsiderindas. Fine, danke al mia kunlaboro kun la projekto MIME (Movebleco kaj Inkluziveco en Multlingva Eŭropo), la enketo de la Universitato de Amsterdamo pri la lingva pejzaĵo de la urbo inkluzivis Esperanton kiel unu el la 18 elekteblaj lingvoj de la demandaro. Entute ĉirkaŭ 10 homoj respondis al la demandaro Esperantlingve, dum la tuta respondintaro nombris malpli ol 200 homoj. Esperanto aperas kiel parto de la multlingva pejzaĵo de Amsterdamo.**

FENIKSO
19a jarkolekto, n-ro 6
novembro-decembro 2014

***Eventueel retouradres***
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchweg 435
2284 TA Rijswijk

**PTT Post**
**Port betaald**
**Port payé**
**Pays-Bas**